6ª. JARO — N.° 11-12 ★ ★ MAJO - JUNIO 1915

# Brazila Esperantisto



OFICIALA ORGANO DE
BRAZILA LIGO ESPERANTISTA
Elirante ĉiumonate — Apparecendo mensalmente
REDAKCIO—Praça 15 de Novembro
RIO DE JANEIRO — BRAZILIO



## ENHAVO



Rio de Janeiro - Brazilio

## B. L. E.

### UNUIGO KREAS FORTON

#### Regulamento

Art. 1º — Fica fundada uma associação sob o nome "Brazila Ligo Esperantista" (B. L. E.), cujos fins são:

Paragrapho 1º — Dirigir a propaganda geral do Esperanto no Brasil.

Paragrapho 2º — Organizar um regulamento para os exames de Esperanto e dar os respectivos diplomas.

Paragrapho 3º — Auxiliar e colligar os grupos esperantistas.

Paragrapho 4º — Representar a opinião dos esperantistas brasileiros que lhe forem filiados.

Art. 2º — A séde da sociedade será na cidade do Rio de Janeiro.

Art. 3º — A "Brazila Ligo Esperantista" consiste de:

grupos filiados;
socios fundadores;
socios isolados;
socios bemfeitores;
socios honorarios.

Paragrapho 1º — São grupos filiados todos os que, acceitando este regulamento, pagam uma quota annual de, pelo menos, 15$000, correspondente a seis socios, á razão de 2$500 cada um.

Paragrapho 2º — São socios fundadores os que se achavam quites em 13 de Dezembro de 1913.

Paragrapho 3º — São socios isolados todos os que pagam uma contribuição annual de 5$000.

Paragrapho 4º — E' socio bemfeitor toda a pessoa que fizer á B. L. E. uma doação de, pelo menos, 200$000.

Paragrapho 5º — E' socio honorario toda a pessoa que prestar grandes serviços á B. L. E. Este titulo será dado por um Congresso Brasileiro de Esperanto.

Art. 4º — A "Brazila Ligo Esperantista" não intervém nas questões que dizem respeito á vida interna dos grupos filiados, que podem livremente agir, segundo os seus estatutos.

Art. 5º — Os socios têm direito:

Paragrapho 1º — Receber gratuitamente o "Brazila Esperantisto", orgão official da B. L. E.

Paragrapho 2º — Tomar parte, pessoalmente ou por meio de procuração, nas assembléas geraes.

Paragrapho 3º — Gosar de abatimento nos livros ou outras publicações feitas pela B. L. E.

Paragrapho 4º — Os grupos filiados podem, gratuitamente, publicar, no orgão official, informações sobre o movimento esperantista local.

Art. 6º — Os grupos, cuja séde não fôr no Rio de Janeiro, podem nomear um delegado, ou delegados, com um total de votos egual ao numero de socios quites.

Art. 7º — A "B. L. E." será dirigida por uma directoria composta de um presidente, um vice-presidente, dois secretarios e um thesoureiro.

Paragrapho 1º — A directoria será eleita durante os Congressos Brasileiros de Esperanto, ou em assembléa geral se houver um intervallo superior a dois annos entre dois congressos.

Paragrapho 2º — O presidente póde escolher auxiliares ou substitutos, conforme a necessidade.

Art. 8º — A directoria é responsavel pelos seus actos perante os congressos, aos quaes apresentará o seu relatorio.

———

As pessoas que desejarem adherir á Liga devem dirigir-se ao Sr. E. Felix Tribouillet, thesoureiro. — Praça 15 de Novembro. O remettente receberá o cartão de socio da Liga.

Quanto á adhesão dos grupos e demais informações, dirigir-se ao Sr. J. B. Mello e Souza, 1º secretario.

## Brazila Ligo Esperantista

Pedimos insistentemente aos esperantistas isolados e aos Srs. Secretarios dos grupos, que nos enviem sempre noticias sobre o movimento e propaganda nas suas cidades para que as possamos publicar na nossa *Kroniko*.

———

TODOS OS VALES POSTAES E REGISTRADOS COM VALOR DEVEM SER DIRIGIDOS AO SR. E. FELIX TRIBOUILLET, THESOUREIRO DA BRAZILA LIGO ESPERANTISTA.

# BRAZILA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO

de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

*6-a Jaro* — *Majo - Junio — 1915* — *Numero 11-12*

| JARABONO | REDKACIO — PRAÇA QUINZE DE NOVEMBRO | Specimeno 0, fr. 50 (0. Sm. 20) |
|---|---|---|
| En Brazilio 3$000 | RIO DE JANEIRO — BRAZILIO | Num. avulso 300 réis |
| Eksterlande 5 fr. (2 Sm.) | | Helpabono 10$000 |


## XIa UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

### TRIA CIRKULERO

La preparoj por la Kongreso estas jam preskaŭ finitaj. Jam de du jaroj niaj komitatoj prilaboris la preparojn por la VIII nacia Kongreso, kaj ni nur bezonis ilin plivastigi, por kunvenigi ankaŭ la XIan Kongreson.

Neniam okazis Esperanta Kongreso inter tiom da allogaĵoj. La mirlando de Ameriko, Kalifornio, kun siaj gigantaj arboj, siaj vastaj valoj plenaj je tropikaj fruktarbaroj, riĉegaj minejoj, nemezureblaj fontoj de petrolo, kaj siaj altaj neĝkronitaj montaroj, vin akceptos. Vi estos bonvenantaj, karaj samideanoj, kaj ni ne permesos al vi bedaŭri vian alvenon.

Inter la distraĵoj preparitaj por la kongresanoj estas tuttaga ekskurso, trans la golfo de San Francisko. kies belecon egalas nur la fama "Ora Korno" ĉe Konstantinoplo, preter la sekojaj arbaroj kaj supren inter la montoj. Okazos unika balo sur la supro de monto, de kie la nekalkuleblaj multkoloraj lumoj de la Ekspoziciejo aliformiĝos en mirindan "Juvel-Urbon."

Laŭ la "Faktlibro", presita kaj dissendata de la Ekspozicia Kompanio, sabaton, la 28an de Aŭgusto, oni festos kiel "Esperanto Tago" ĉe la Ekspozicio. Je tiu tago ĉiu Kongresano povos senpage eniri la Ekspozicion. Granda demonstracio de Esperanto okazos en tiu tago, kaj la vespero estos pasigata sur la "Zono", tiu senegala strato de amuzaĵoj kaj distraĵoj provizita je kosto de preskaŭ 25 milionoj da spesmiloj.

La unuan dimanĉon de la Kongreso, Aŭgusto 22an, okazos neformala kuniĝo de ĉiuj alvenintaj gesamideanoj en la fama "Ora Pordega Parko", kies centoj da hektaroj da tropikaj kaj duontropikaj kreskaĵoj atestas en frapanta maniero la dolĉan klimaton de nia regiono.

La ĝeneralaj kunsidoj de la Kongreso okazos dum la sekvantaj tagoj, de la 23a ĝis la 27a de Aŭgusto, inkluzive. Okazos ankaŭ la kelkaj kunsidoj de la Oka Kongreso de E. A.N.A. kaj U. E. A. delegitoj. Specialaj fakaj kunsidoj estas en preparo, por ke nia kongreso havu kiel eble gravan kaj vastan kampon.. La ĉefaj kunsidoj okazos en la vesperoj, por ke la kongresanoj havu tempon viziti la Ekspozicion tage.

Unu vespero estos okupata de senprepara oratora konkurso, esperanta komedieto, deklamaĵoj kaj kantoj.

Vi volas denove atentigi pri la bezono de frua aliĝo al la Kongreso., Partoprenantoj devus tuj mendi sian kongreskarton kaj rezervigi al si loĝejon. Dum la monato de Aŭgusto, San Francisko gastigos pli ol 250 Kongresojn, kaj estus konsilinde fari siajn arangôjn kiel eble plej antaŭtempe.

La kongres-insigno estas la plej bela kaj multekosta iam preparita por Esperanta Kongreso. La kongresanoj kaj helpkongresanoj ricevos ĝin senpage, kune kun ĉiuj dokumentoj de la Kongreso, bela gvidlibro tra San Francisko, ktp. Aldone al tiuj dokumentoj, la helpkongresanoj ricevos senpage la kolektojn da vidlajkartoj de San Francisko kaj la Ekspozicio (40 kartoj kun esperanta teksto) kaj provizon da Kongresaj markoj., Oni vidos, ke ĉiu ricevos plenan valoron por sia kotizaĵo.

La adreso de la Kongreso estas simple:

ESPERANTO KONGRESO

San Francisko, U. S. A.

---

## ESPERANTO KAJ IDO

Kun plezuro ni publikigas la leteron ricevitan de s-ro Francisco V. Lorenz, unu el la plej malnovaj kaj kompetentaj esperantistoj en Brazilio, kiu Idistiĝinte nun revenas al Esperanto.

"S. Feliciano (Rio Grande do Sul), 1-8-15

Estimataj samideanoj de la Redakcio de "Brazila Esperantisto,,:

Kiel vi scias, Ido altiris mian simpation, kaj mi decidis min propagandi ĝin, konjektante, ke tiel mi laboros por "la plej bona lingvo internacia."

La senĉesaj atakoj de la Idistaj ĉefoj kontraŭ la respektinda d-ro Zamenhof, la ĉiam plimultiĝantaj kaj praktike neutilaj ŝanĝoj, kiujn la Idista Akade-

mio enkondukis en la sistemon, kaj la lingvistikaj laboroj de s-ro René de Saussure kaj aliaj scienculoj konvinkis min, tamen, ke mi estas en erara vojo, ke la plibonigoj prezentitaj de Ido estas nur ŝajnaj, kaj ke Esperanto taŭgas vere multe pli bone por la rolo de lingvo internacia. Tial mi detruis la restantajn ekzemplerojn de mia gramatiko kaj vortareto de Ido, kaj refariĝas ano de l' Esperantistaro, pri kio mi jam sciigis la malmultajn personojn, kiujn mi estis iginta simpatiaj por Ido. (Se vi volas, vi povas publikigi tiun ĉi mian deklaron).

Salutas vin kore

Francisco Valdomiro Lorenz".

# ETERNA DORMADO

I

La tuta loĝantaro de Ceará (*) konas la historion de la senpluvecoj; ili scias, ke estis patroj kiuj vendis filinojn por plenmano da faruno... Ili scias ankaŭ ke aliaj mortis kun sia tuta familio, por ne almozpeti...

La historio de tiu infano, rakontata ĉi tie en malgrandaj ĉapitroj, kiel respektego al ĝia granda fila amo — estas fragmento de la historio de la senpluveco, kiu estas skribita per larmaj literoj en la koro de la bona internlandulo de Ceará.

II

En tiu decembra vespero, larmplena kaj malgaja, estis pluvetinte sur la vojo, kiun trairis la pasanto en la malproksima internlando, kaj tie eliĝis el la tero akra odoro, egala je tiu, kiun sentas la argilaĵofaristinoj, kiam ili ĵetas akvon sur la sekan argilon.

Mejlojn jam rajdis la vojaĝanto, kiu foriris tre frue, kaj la suno soifis, suĉante la malmultajn akverojn, kiujn la roso lasis matene ĉe la velkintaj folioj de l'arbaro, en tiu malpli seka, ol la aliaj kaj promesanta vintron tago, kiam al la laca vojaĝanto montriĝis barako de foriĝuloj (**).

Kaj li pensis pri batalkampo, ĉe kiu ĉiuj batalantoj falis antaŭ la terura glavo de la Malsato...

La suno jam atingis la zeniton, por oportune rigardi el la supro de la ĉielo la palegajn vizaĝojn de l' kadavroj.

Nur unu virino estis ankoraŭ vivanta, havante ĉe la brakoj kvinjaran filineton, kiu baldaŭ estos la sola anĝelo maldormanta en la mezo de tiuj mortintoj.

Baldaŭ tiu infano restos sola en la mondo, ĉar ĝi jam vidas sian patrinon morti iom post iom.

Longa estas la turmento de la morto, kiun la malsato suferigas al la malfeliĉuloj.

III

Al la vojaĝanto doloriĝis la koron, ke li vidas virinon mortadi de malsato. Li atendis, ĝis tiu malfeliĉulino fermis la okulojn al la mondo, por preni la forlasitan infanon.

Kiam la skeleta korpo de la virino ĉesis moviĝi, falis plene sur ĝin sunradio, kiu, anstataŭ benita kandelo, lumigis tiun malgajan scenon de la Morto...

Kaj sur la vangoj de la infano ekfluis torento da larmoj; ne tial, ke ĝia patrino dormas, ĉar baldaŭ ŝi vekiĝos, sed tial, ke la patro, kiu estis elirinta matene, por serĉi *mucunã* (***), ne revenis ankoraŭ. Kun tiu homo, kiu donis al ĝi manĝi, ĝi ne volis foriri, ĉar ĝi timis...

IV

Kaj la vojaĝanto, kiu pasis tie longan tempon kaj ne volis veki tiun malfeliĉan infanon el la senkulpeca dormo, ekrajdis antaŭen, kaj sur lia vizaĝo de forta viro rulis nun rozario da larmoj.

V

La sekvintan tagon, tre frue, la vojaĝanto revenis tra la sama vojo.

Kaj, apud la barako de la foriĝuloj, li renkontis la infanon, kiu, inter larmoj kaj plorĝemoj, rakontis al li la emociigan historion de la dormo de sia patrino, kiu ne volis plu vekiĝi.

Kaj la suno atingis ree la zeniton, por rigardi el la supro de la ĉielo tiun homon, kiu ricevis en siajn brakojn kaj metis sur la antaŭselon tiun senkulpan infanon, liveritan al li de la tre puraj manoj de la Karitato.

*El Eduardo Saboya tradukis*
*Clarindo Diniz Gonçalves*
*Aracaju — Sergipe*

(*) Norda ŝtato en Brazilio, tiu en kiu la senpluvecoj estas, aŭ plibone, estis plej teruraj.

(**) Dum la senpluveco, la tuta malriĉa loĝantaro elmigris el la interno de l' Ŝtato al la marbordo, precipe al la ĉefurbo (Fortaleza) kie la malsanoj, ni diru — la variolo, preskaŭ ĉiam metis finon al tiu, kiujn ŝparis la malsato. Tiuj, kiujn la soifo kaj malsato elŝiris el iliaj kampoj kaj hejmoj, nomiĝis *foriĝuloj* (en portugala lingvo *retirantes*):

(***) *Mucunã* aŭ *ol'ho de boi* (ĉar ĝi produktas frukton, kies semo, kiu faras servon, kiel manĝaĵon, al la foriĝuloj, estas bovokulsimila) estas kreskaĵo trekomuna en la norda regiono de la lando.

# LA MATENO

Vi pli amas la liton, ol la ĝardenon. Vi estas sola en tia prefero.

Ĉu vi ne aŭdas la birdetojn? Ĉu vi ne sentas la parfumon de l' floroj? Ili estas ĉiuj viglaj, ĝuantaj la sunon. Vi sola koleretiĝas, kiam oni vin alvokas por la festo de l' Naturo.

Ĉu tio estas pro la varmeco de l' lito? Tiu de l' suno estas pli agrabla, ol tiu de l' littukoj, kaj en la ĝardeno estas la aromo, kiun vi ne havas ĉi tie.

Kun la fenestroj fermitaj, la aero de via dormoĉambro malboniĝis nokte, kaj ekstere ĉio estas pura.

Vi spiras ĉi tie, kion viaj pulmoj eljetis — ĝi estas kvazaŭ vi maĉus la restaĵon remaĉitan de iu frukto. Kio donas koloron al rozoj? la suno. Ĉu vi preferas la malsanecan flavon?

Mi konservas min fortika, ĉar ĉiumatene mi eliras al la granda Lumo. Ĝi estas religio — la religio de l' sano.

Ellitiĝu! La nokto estas la ripozo: ĝi estas pordo, kiu fermiĝas sur la Naturo, enigante ĝin en la silenton kaj en la trankvilecon. La tago estas la movo.

La mallaboremo estas enirejo sendefenda, tra kiu penetras ĉiuj malvirtoj. La ekzerco estas bezonaĵo de l' korpo kaj de l' animo.

Eĉ la arboj malliberaj moviĝas je la vento, skuante la branĉojn. La maro ne ĉesigas la ondojn, la riveroj ne haltas. Kie ŝajnas estis senmoveco, tie estas ago nevidebla. La homa estaĵo sola malstreĉiĝas en la inercio.

Ĉu vi volas la perfektan bildon de la mallaboremo? la ŝlimejo. Ĝi estas la senutilo, kaj ĉio, kion ĝi produktas, estas malbonaĵo. La floro mem, kiu ĝin ornamas, estas venenporta kaj mortigas.

Malsupreniru. Venu por senti la blovadon de l' mateno, por aŭdi la pepadon de l' birdoj, riĉiĝi per oro vivanta, meti sur vian nigran hararon diademon el suno, preni sur viajn manojn la lumon, kiu estas animo, marŝi per ĝi, senti ĝin ĉirkaŭe.

La mateno estas la juneco — ĝi estas la horo de l' infanoj. Ne forestu vi sola la ludejon, por ke la aliaj infaninoj ne ridu je mia filino, kiam ili vidos ŝin aperi malvigla kaj pala, kvazaŭ floro sen freŝeco.

El Coelho Netto tradukis
*Alcibides Corrêa Paes.*

(Aracajú — Sergipe.)

# ĈE AMIKOJ

*(Leão Tolstoi.)*

Du amikoj promenis tra arbaro; aperis urso, kiu estis tuj sin jetonta sur ilin.

Unu grimpis sur arbon, kaj sin kaŝis, dum la alia restis sur la vojo.

Tiu ĉi teren falis, kaj ŝajniĝis kiel mortinto.

La urso alproksimiĝis, kaj flaris la viron, sed, ĉar li haltigis la spiradon, la besto juĝis lin mortinta, kaj malproksimiĝis.

Kiam la urso estis malproksime, la alia malgrimpis el la arbo, kaj, ridante, demandis al sia amiko:

— Kion diris al vi en la orelon la urso?

— Ĝi diris al mi ke tiu, kiu forlasas sian amikon en danĝero, estas malkuraĝulo.

Esperantigis.
*Sebastião d' Albuquerque.*

Aracajú — Sergipe.

---

# NIGRAJ OKULOJ

(El Raymundo Magalhães.)

La okuloj de Mario estis nigraj, nigraj...
Ili brilis kiel du tre maloftaj blindigaj perloj kaj ensorĉitaj en la konko tre hela de ŝiaj palpebroj atlasaj kaj rozkoloraj.

La larmoj ne malsekigis ilin kaj nek nubo de malgajeco malheligis ilian brilon.

Mario amis...
Sed ŝia amo mortis tre frue kiel mortas rozoj — en la printempo de l' vivo.

La okuloj de Mario estis nigraj, nigraj...
Ili estis blindiga brilo de du tre maloftaj perloj kaj ensorĉitaj...

Sed kiam la amo eniris en la koron de Mario, ŝiaj okuloj malĝojiĝis, malakceliĝis, malsekiĝis kun larmoj kaj neniam plu brilis, neniam!

Malbenita estu la amo!

Tradukis.
*Targino Soares.*

Mossóró, — R. G. Norte.

# ...ERNACIONAL


E. Wanderley

## Côro e marcha infantil

Côro.

Somos nós as linguas vivas
Reunidas por encanto,
Dando palmas, dando vivas
Aos progressos do Esperanto.

Lingua Portugueza

A lingua eu sou portugueza,
Do grande vate Camões,
Que encerra tanta belleza
E as mais gentis expressões.

Franceza.

Da patria alegre do *chic*,
A lingua franceza eu sou,
Não ha quem tristonho fique
Si alguma vez me fallou.

Ingleza.

Das linguas aqui presentes
A lingua ingleza sou eu:
Fallada nos continentes
Que a sorte me concedeu.

Allemã.

Diz qualquer um que me veja,
Da ingleza ser quasi irmã;
O riso está onde eu 'steja,
Eu sou a lingua allemã.

Italiana.

Da Italia forte e sadia
A doce lingua aqui está;
Para exprimir a harmonia
Mais terna lingua não ha.

Hespanhola.

Eu sou da terra valente
Dos touros, da luz, do sol;
Eu sou a lingua eloquente
Do bravo povo hespanhol.

Russia.

Da Russia fria e nevada,
A lingua altiva está aqui;
Na *steppe* sempre fallada
As inflexões não perdi.

Japoneza.

Eu sou a lingua exquisita,
Mas cheia de tradicção,
Fallada por quem habita
O velho e altivo Japão.

Esperanto.

Unir a todas num laço
De amor, é segredo meu,
No mais fraternal abraço,
Que o Esperanto sou eu.

---

Não havendo, de ordinario, facilidade em vestir as personagens a caracter ou mesmo com as côres do pavilhão da nação, em que é falada cada uma das linguas, as nove meninas se devem apresentar de branco, trazendo a tiracollo faixas com essas côres nacionaes, em combinação com as bandeiras que empunharem: assim a lingua *portugueza* trará a bandeira brazileira e a faixa verde e encarnada representando Portugal; a lingua *ingleza*, a bandeira da Inglaterra, sendo a faixa listada, semelhante ao pavilhão dos Estados Unidos da America do Norte; a lingua *franceza*, a *hespanhola*, a *allemã*, a *italiana*, a *russa* e a *japoneza* faixas das côres das bandeiras respectivas; a lingua *Esperanto* a bandeira adoptada, e a faixa, com uma ou mais estrellas verdes sobre campo branco, podendo ter, para maior destaque, listas verdes nas extremidades. Essa personagem poderá trazer á cabeça um diadema, tendo ao centro uma estrella verde.

Durante a introducção, entram, marchando a um de fundo, vindo á frente a lingua portugueza, e, em quinto logar, o Esperanto. No fim de cada copla, fazem evoluções, marchas e contramarchas, dispondo-se em linha de frente para ser cantada a copla seguinte. O Esperanto deve occupar sempre o lugar central. No final, sahem, marchando duas a duas, tendo á frente o Esperanto.

# FRAZARO

C — Kara samideano, ĝis plezura revido.

F — Ĝis... Ĉu vi jam foriras?

C — Jes. Mi havas ion por fari, kaj S-ro B. ne venas. Ĉu vi scias, ĉu li venos?

F— Mi ne scias. Sendube afero tre grava malhelpis lian venon, tial, ke li enestas tie ĉi, de la 4a ĝis la 5a, ĉiutage.

C — Bedaŭrinde!

F— Plie, mi ne parolis hodiaŭ kun li, kaj pro tio mi ne povas doni al vi pli bonan informon.

C — Negrave. Mi revenos morgaŭ.

F — Ĝis morgaŭ, do.

— Caro samideano, até o prazer de tornar a vel-o.

— Até... Já vai?

— Já. Tenho que fazer, e o sr. B. não vem. Sabe se elle virá?

—Não sei. Sem duvida negocio importante impediu que viesse, porque todos os dias, das 4 ás 5, elle está aqui.

—Que pena!

— Demais, não falei hoje com elle, e por isso não posso dar-lhe melhor informação.

— Não faz mal. Voltarei amanhã.

— Até amanhã, então.

N. B.

# AL MIA FILINO

*Domingos Borges de Barros*

(Barão da Pedra Branca)

Estu la virto,
Filino mia,
De l' vivo via
Sola honor'.

Ĉar sen la virto
Trompema estas
Sorto kaj restas
Eĉ sen valor'.

Ĉio pereas;
Velkas beleco;
Amo, riĉeco
Kuregas for.

Nur kun la virto
Ridas la sorto;
Nek en la morto
Tremas la kor'.

Estas la virto
En vivo, kio
De la lilio
Pura kolor'.

Filin' amata,
Ĉiam zorgadu,
Ke belkreskadu
Tiu ĉi flor'!

Esperantigis.

*Francisco V. Lorenz.*

# LA SIEĜO DE KORINTO

(LORD BYRON.)

*Esperantigis d-ro Venancio da Silva.*

.....................................

XI

Estas noktomezo. La malvarma disko de la luno iluminas intense la brunajn montojn, la maro skuetas la bluajn ondojn, la lazura ĉielo etendiĝas kiel suprependita oceano, dissemita je lumaj insuletoj de tremetanta kaj etera brilo.

Kiu iam rigardinta ilian helecon povos sin turni teren sen malĝojo, sen la deziro posedi flugilojn por supreniri kaj fandiĝi en ilia eterna radio?

En ambaŭ marbordoj la ondoj ripozas kvietaj, klaraj, bluaj kiel la aero; apenaŭ la marŝaŭmo rulas la ŝtonetojn, mallaŭte murmurante kiel rivereto.

La ventoj dormis trankvilaj sur la ondoj; la standardoj pendiĝis laŭlonge de la mastoj, ĉirkaŭvolvantaj ilin, kiuj elmontriĝis supre la helan krescenton.

La profunda silento estis nur interrompita de la alarmkrio de l' gardostaranto kaj de la ofta, akra ĉevalbleko, al kiuj respondis la eĥo de la montoj. La larĝe disvastigita murmuro de tiu sangavida popolamaso kraketis kiel arbaraj folioj, de unu al alia marbordo; kiel disvolviĝas tra la spaco la voĉo de la "*Muezino*", invitante al la noktomeza preĝo; malĝoja kanto resonanta super la ebenajo, kvazaŭ el la izolita spirito. Ĝi estis melodia sed melan-

kolie dolĉa kiel longa, senmezura tono, eltirita de la vento el harpkordoj, kaj nekonata de la mortemaj kantistoj.

Al tiuj loĝantoj interne de la muroj, ĝi ŝajnis profeta krio de ilia defaligo, ĝi frapis ankaŭ la orelon de la sieĝantoj kiel malaŭgura, dolora, nedefinita antaŭsigno; kiel subita ekbato momente haltiganta la koron, kiu poste rapidbatas, kvazaŭ hontigita pro la stranga sento kiu ĝin malordigis; kiel la rapida kaj funebra sono de la sonorilo vekante por la enterigo eĉ de ia nekonatulo.

........................................

---

## KRONIKO

**Rio de Janeiro** — "Reformador" oficiala organo de Federação Espirita Brazileira, publikigis artikolon de s-ro A. de Moraes sub la titolo "Esperanto kaj la Universala Frateco". — La tre legata ĵurnalo "A Rua" publikigis longan intervuon, kiun ĝi havis kun s-ro A. Couto Fernandes, prezidanto de B. L. E., pri la movado de Esperanto dum la milito. — En "A Noticia" aperis bonega letero el Parizo de nia klera samideano s-ro Medeiros e Albuquerque, kiu ĵus estis elektita oficiro de la franca honorlegia ordeno, pri la uzado de Esperanto dum la milito. — Kelkaj ĵurnaloj publikigis la tradukon de la artikolo de "The British Esperantist" titolita "La lingvo de la internacia pacinterkonsento".

— "A Trombeta" publikigis la portreton kaj artikolon de s-ro José Luiz Segarra Ramos, nia samideano en *Montivideo* (Uruguay). — La 6a de Junio okazis la 20a kunveno de Virina Klubo ĉe la 2a sekretariino f-ino Romancina Calmon. Oni deklamis, ludis fortepianon kaj dancis. — La 25an de Junio ĉe la "Kristana Asocio de Junuloj" nia samideano s-ro Giovanni Leoni faris bonan paroladon pri "Esperanto kaj la aktuala milito". — Je la 27a de Junio okazis ĝenerala kunveno de Brazila Klubo "Esperanto" por la balotado de ĝia nova estraro. Jen ĝi estas: — Prez. — d-ro Nuno Baena; vicprez. — d-ro Hernani da Motta Mendes; 1a sek. — s-ro José Machado Tosta; 2a sek. — s-ro Odillo Pinto; 1a kasisto — s-ro Arminio de Moraes kaj 2a kas. — s-ro Octavio de Azevedo Macedo. Konsilantaro: Sub-kolonelo d-ro Moreira Guimaraes, Grafo Affonso Celso, d-ro Everardo Bakheuser, Kolonelo Manoel Portilho Bentes, Majoro Lauriano das Trinas, d-ro Venancio da Silva, f-ino Julia Fernandes, d-ro José A. Boiteux, s-ro Giovanni Leoni kaj s-ro Honorio Leal. Estis aklamita honora ano s-ro Grafo Affonso Celso.

**Rio Grande Sul.** — La ĵurnalo "A Opinião Publica" en *Pelotas* publikigis artikolon titolitan "Esperanto kaj la Telegrafo". — Forlasinte Idon, revenis al Esperanto kaj aliĝis al Brazila Ligo Esperantista la klera kaj malnova esperantisto s-ro Francisco, V. Lorenz, loĝanto en S. Feliciano.

**Minas Geraes.** — Je la 23a de Majo fondiĝis en *Teixeiras* klubo, kies celo estas propagandi la internacian helplingvon Esperanto per ĉiuj eblaj rimedoj. Jen estas ĝia estraro: Prez — d-ro Antero Barrozo Junior, sek — Alcindo H. Brito, kas. — s-ro Ismael Gomes Braga. Estis aklamita honora prezidanto s-ro A. Couto Fernandes. Al la nova kunbatalanto ni deziras longan vivadon! Kelkaj anoj de tiu klubo aliĝis al Brazila Ligo Esperantista.

A. C. F.

---

## O ESPERANTO NO ESTRANGEIRO

O successo de que se revestiu o 8o. Congresso dos Esperantistas da Grã-Bretanha affirma que a propaganda esperantista continua ininterrupta, e ao mesmo tempo que os samideanos preparam-se para desenvolver poderosamente a utilidade pratica da lingua internacional. O reconhecimento official das vantagens do Esperanto foi feito pela Allemanha, fazendo publicar nesta lingua a defesa das accusações a este paiz por actos praticados durante a presente guerra.

Não cabe nesta chronica a discussão do bem ou do mal que os esperantistas allemães tenham feito, com a publicação em Esperanto de assumptos de guerra.

Ainda que para a maioria dos adeptos o Esperanto seja um instrumento de paz, para a outra parte é simplesmente um meio commodo de intercomprehensão. E como, segundo a Declaração de Boulogne, ella pode ser usada *para qualquer fim*, é logico que a publicação em Esperanto d'este ou d'aquelle assumpto, de paz ou de guerra, é perfeitamente licito. E' possivel que por motivo mesmo da guerra, a importancia d'essa publicação não tenha sido devidamente apreciada, e sua util divulgação soffrido totalmente, desapparecendo assim o proveito que dahi poder-se-ia tirar. Contudo, resta a esperança de que, depois da calamitosa conflagração, o Esperanto tome um novo impulso, accionado pelos ensinamentos obtidos.

Cumpre salientar os esforços dos samideanos argentinos, que sob a direcção do sr. D. I. Dalmau, imprimiram uma força nova á propaganda do Esperanto na progressista Republica Platina.

**Inglaterra.** — O grupo Croydon realisou a sua excursão annual. — O grupo de York progride satisfatoriamente. Semanalmente ha lições para as classes elementar, media e superior e em seguida discussões, conversas e discursos em Esperanto. — Em Edinburgo realisou-se a distribuição de certificados e diplomas aos policias locaes, que em agradecimento a Miss Munro, sua professora, lhe offertaram um bracelete de ouro. — Já está em serviço a Esperanto Ambulancia nº. 2 — Realisou-se o oitavo congresso dos Esperantistas da Gran-Bretanha, em Bath, sob o patronado do Duque de Connaught, do bispo de Bristol, do Mayor e do ex-Mayor de Bath. — Effectuou-se tambem o setimo congresso belga esperantista, o qual teve sua séde em Bath. — Em Finsbury Park, foram iniciados cursos, ao ar livre.

**França.** — Funcionam regularmente 25 grupos. Em Beauvais, o sr. Demarcy fez uma explendida conferencia perante um auditorio constituido por 300 invalidos da actual guerra. — Em La Roche-sur-Yon, o grupo esperantista, de accordo com a *Universala Esperanta - Asocio* organisou um serviço de correspondencia e procura de extraviados. — Pouco a pouco vão reappparecendo em Paris os jornaes esperantistas e conferencias de propaganda. — Em Poitiers e Verdun activa propaganda entre as forças de guarnição.

**Hespanha.** — A sociedade "Paco kaj Amo", de Barcelona, inaugurou uma exposição de imprensa. Depois de um discurso sobre a utilidade da imprensa, representou-se o dialogo "Ĉiama Kantaĵo", foram lidas traducções e poesias. — Realizou-se o 1º. Congresso da Liga Esperantista da Provincia de Tarragona. — No grupo "Frateco", de Vendrell, iniciu-se um curso para senhoritas.

**Suecia.** — O club Esperantista de Malmö, encerrou os seus trabalhos do primeiro semestre de 1915, havendo representação do sainete "Uma hora de Esperanto" do professor Cart., traduzido por tres alumnas e representado pelas mesmas.

**Hollanda.** — Effectuou-se a reunião da Federação hollandeza. Compareceram delegados de seis grupos. A reunião seguinte devia ter-se realizado em Amsterdam. O *Club Esperantista de Haya* continua a realizar com successo as suas festas. — A 5ª. festa annual do Tramista Klubo teve o comparecimento de 500 pessoas. — Com o titulo de "Ni persistos" fundou-se uma sociedade esperantista para estudantes de escolas superiores, gymnasianos e lyceanos.

**Allemanha.** — As reuniões do grupo de Bochun realizam-se de novo com regularidade. — Em Cöthen o dr. Foehr dirige um curso com 30 alumnos. — No campo de concentração de Göttingen publica-se um jornal esperantista para uso dos prisioneiros.

**Austria-Hungria.** — O grupo de Bozen, em grande actividade, organizou festas com tombola. — Em Trieste, o dr. A. Ghez fez uma conferencia bem succedida. Abriu-se um curso dirigido pela sr. D. Randi, com 72 alumnos.

**Italia.** — Em Brescia, 11 alumnas fizeram exame. Fundou-se um novo grupo. — Em Cremona, os cursos da Federação dos Commerciantes funcionam regularmente, contando no minimo 117 alumnos. Em Legnago, o sr. Saggiori fez uma conferencia sobre "Esperanto e Cruz Vermelha", especialmenté destinada á enfermeiras ultimamente alistadas. — Em Padua, curso com mais de 50 alumnos.

**Russia.** — Os grupos de Petrogrado continuam as suas reuniões mensaes, sendo rigorosamente exigido e cumprido o uso do Esperanto. — A sociedade Esperantista de Astrakan prepara um almanach manuscripto, do qual constarão producções dos esperantistas locaes. — Durante o Congresso dos Professores de Geographia e Sciencias Naturaes, realizado em Moscou, funccionou uma exposição esperantista, muito frequentada.

**Portugal** — O Lisbona Esperantista Grupo realizou uma importante sessão de propaganda esperantista. O sr. Rodolpho Horner falou sobre "A superioridade do Esperanto como lingua internacional", e o sr. Martins de Almeida, sobre o thema "O Esperanto como agente de pacificação".

**Republica Argentina.** — E' animador o movimento de propaganda. Em Buenos Aires foram abertos novos cursos, muito frequentados. Tórnquist, Villaba, e outras cidades da provincia de Buenos Aires são futuros centros de propaganda esperantista. Ba hia Blanca tornou-se o centro argentino de irradiação esperantista. Realizou-se uma grande festa publica para distribuição dos premios conquistados, em provas difficeis, aos alumnos dos cursos do "Ateneo Esperantista", no Theatro Colón, de Bahia Blanca. Compareceram á magnifica reunião para mais de 1000 pessoas. — Foram abertos cinco novos cursos para conquista do "Diploma de Capacidade". A directoria do activo *Ateneo Esperantista* é a seguinte: Presidente, sr. D. I. Dalmau; vice-presidente, sr. J. E. Barquin; secretario, sta. K: O: Toce, vice-secretario, sr. J. Urretabizkaja; thesoureiro, sr. A. Gallego; bibliothecario, sr. J. A. Ballesteros.

N. B.

## Bibliografio

Ni ricevis kaj tre dankas:

**Batalo de Senlis.** *Germanaj malkuraĝaĵoj,. Morto de la Leŭtenanto Fauvart — Bastoul.* Imprimerie Darantiere. 13 rue Paul - Cabet. Dijon. Francujo.

**Unua kaj dua Raportoj** prezentitaj al sinjoro ĉefministro de la komisiono starigita por konstati la agojn faritajn de la malamiko malrespekte al la reĝoj de la popolrajto. (Dekreto de la 23a de Septembro 1914). El "Oficiala Ĵurnalo de la Franca Respubliko", de la 6a de Januaro 1915. Traduko en lingvo internacia *Esperanto* kun antaŭparolo de *Tristan Bernard*. Broŝuroj 1a. kaj 2a de la eldonoj de la Komitato por Francujo, per Esperanto., Librairie de l' Esperanto et des aliés, 51, rue de Clichy, Paris.

**Civitanoj de l' Mondo'** de Yervant H. Iskender; Dediĉita al la altestimata memoro de la Paciganto, *Eduardo VIIa*. Esperantigita de s-ro W. M. Page, redaktoro de la "Esperanto Monthly".

Petu ekzempleron de tiu broŝuro al s-ro Yervant H. Iskender, (Tomna - Monachan, Pitlochry, Skotlando), fondinto de la Movado "Civitanoj de l' Mondo".

**Algunos hechos y verdades que deben ser conocidos**: Broŝuro de propagando verkita de D. I. Dalmau. Ateneo Esperantista. strato 19 de Mayo 151. Bahia Blanca Argentina.

**Karaktero** laŭ Mr. J. M. van Stipriaan Luiscius, advokato en Hago. Kvara plivastigita eldono, tradukita laŭ la 9a eldono de l' nederlanda originalo. Prezo. 0.200 sm. Hago - Holando.

PANORAMO
DE LA
SAN FRANCISKA EKSPOZICIO

Ĉiuj Esperantistoj devus havi unu el ĉi tiuj belegaj fotografioj.

Mezuro; du futoj laŭlonge kaj ses coloj laŭlarĝe. Ne haltu, sed mendu nun je nia speciala prezo de Sm. 0,80.

Adresu:

A. S. Vinzent.
California St.,
SAN FRANCISCO, USONO

## Korespondado

**P. Kolev**, *46 str: Regentska — Sofia — Bulgaria,* deziras korespondadi Esperante pri abelkulturado, kuniklokulturado, kukokulturado, kc.

KAPITANO ANTONIO PINHO, *Belmonte, Bahia,* deziras interŝanĝi poŝkartojn, kiu ajn la temo.

La anoj de GRUPO ESPERANTISTA "COUTO FERNANDES", *Rua Collares Moreira, 116, S. Luiz, Maranhão,* deziras interŝanĝi poŝtkartojn.

NOTO. — Enskribo en ĉi tiu fako kostas $400 aŭ 0,20 sm, ĉiufoje.

Ni akceptas respondkuponojn aŭ transpagilojn de la Ĉekbanko.

Typ. Gomes Irmão & C. Assembléa 32